## Enhavo

**ISSN 0037-6558**
Oficiala Organo de Skolta Esperanto-Ligo n-ro 1-2/2003
The magazine of the Scout Esperanto League
Gazette de la Ligue Scout Esperanto
Gazeta de la Liga de Scouts Esperantistas
-
**Membrokotizo/Abonkotizo**
20% de la UEA-kotizo MJ(T)

Sugestoj kaj kontaktoj:
etaprinco@yahoo.com.br

Vi mem povas printi la numeron de *La Skolta Mondo* por viaj amikoj, lernejanoj kaj skoltaj gefratoj !



**Printebla versio** en:

ttt.esperanto.org/skolta/sm/sm.pdf



TutMonda Skolta Ĵamboreo
world scout jamborees
2003
on the internet
en InterReto

### JOTI 2003

**La 18-an kaj 19-an de Oktobro 2003, ni vigle partoprenos en Interret-Ĵamboreo.**

**Tamen nia plej granda venko estis sukcesi de la kunordiganto la promeson, ke por JOTI 2003 la centra reta informa TTTejo http://www.joti.org ne plu restos 9-lingva. Esperanto espereble estos la 10-a lingvo.**

**Ni atendu ĝis ni ricevos pli detalajn informojn.**

# Skolta Esperanto-Ligo

**fondita en 1918**



Centra TTTejo: http://ttt.esperanto.org/skolta
Diskut-listo: skolta-esperanto-ligo@yahoogroups.com
**Estraro prezidanto**: Franco Abriani, Via Falconetto 24, I 37131 Verona VR, Italio **ĝenerala sekretario**: Hector Campos G., Casilla Postal 231 Curico, 7ª region, Ĉilio <mochila@terra.cl> **kasisto**: David H. Withey, 1 Brookfield Ave, Waterloo, Liverpool, Britio L22 3YE

**Reto de Reprezentantoj**

**Aŭstralio**: Kep Enderby, 2 Phoebe st., Balmain Sydney 2041 <kependerby@bigpond.com> **Aŭstrio**: S-ro Martin Bähr, Rasumofskygasse 2 /26, A-1030 Wien <mbaehr@stuts.org> **Belgio**: S-r o Arie Bouman. Driesdreef 8. B-9030 Gent, tel./fakso +32-9-227 48 41 **Brazilo**: Eluizio B. Rodrigues, R. P. Horacio M. Camargo, 120 / 14 , 18048-105 - Sorocaba (SP) <eluiziobueno@bol.com.br> **Britio**: S-ro David H. Withey, 21 Brookfleld Avenue, Waterloo Liverpool, L22 3YE, tel. (0)151 928 2936 **Bulgario**: D-ro Inĝ . Ĥristo Mandev, bul. Mogilev 2 II 19, Gabrovo 5306, tel. +359-66-23647 **Ĉeĥio**: S-ro Pavel Sittauer, Hartmannova 1128. CS-67401 Trebič, tel (0)618-21909 **Ĉilio**: S-ro Hector Campos Grez, Casilla de Correos 231, Curico, tel (oficeja) +56-75-315377 (hejma) -310382, <mochila@terra.cl> **Danio**: S-ro Bjarke Nielsen , Erdalsvej 30. DK-2600 Glostrup, tel. 43 968973 **Finnlando**: S-ino Carola Antskog, Mattkárr, FIN 25700 Kimito, tel. ±358-2-4213133 fakso (hejma): +358-2-423246. **Francio**: NR: S- ro Samuel Gaillard, 50, Avenue du Livradois, F-63800 Cournon-d'Auvergne. tel. +33-73-84.31.31 fakso: -34.77.20 <goelano@mconn.com.fr> **Hispanio**: Luis Cilperez Frade, Apdo Postal 7131, E 41080 Sevilla, tel (labora) 954570849 <luis@riskoes.com> **Hungario**: S-ro Aleksandro Pesti, Tó-u 20, H-6723 Szeged **Italio**: S-ro Franco Abriani, Via Falconetto 24, I-37131 Verona VR, tel.: +3945.525173 **Japanio**: F-ino Fumiko Kamaĉi, 3-4-4 Kasumigaoka, Sakai, Osaka, <BXL00154@nifty.ne.jp> **Kanariaj Insuloj:** Miguel (Luma Birdo) Cno. Verde, 101(Las Mercedes), 38293 La Laguna , Tenerife <lumabirdo@yahoo.es> **Kazaĥio**: S-ro Kabjan Edelbay, 637000 Pavlodar. Glavpost, DO BOCT, Kazakhstan **Koreio**: LEE Seung Yun (HL10DL/Junĉjo), Hwigyong-l Dong, Seul Garden Apt. 909, Dongdaemun (130-092), Seoul, <amiko@chollian.dacom.co.kr> **Kostariko**: S-ro Marvin Segura, Aptdo 1913 San Jose, tel. (01) 585561 **Luksemburgo**: S-ro Guido Ricci, 98 rue des Trevires, L-2628 Luxembourg, tel. +352495052 **Nederlando**: S-ro J.K. Hammer, Taxusstraat 7, NL 1505 AA Zaandam tel. (0)75-6166931 <ko.hammer@planet.nl> **Norvegio**: P: Norvega Esperantista Ligo, Olaf Schous vei 18 N-0572 OSLO telefono/fakso: 22350894 <esp.oslo@s.no> **Nov-Zelando**: S-ino Gwenda Sutton, 12c Herhert Gardens, 186 The Terrace, Wellington 6001, tel. +64-4-4730847, fakso -4730848 <Sir_Lancelot@compuserve.com> <100235.3407@compuserve.com> **Pollando**: S-ro Jaroslaw A.Fotyga, ul. Hamesie 21/34, PL-2O-857 Lublin. tel. +48-81-711065 <upfotyga@klio.umcs.lublin.pl> **Slovakio**: Inĝ. Miroslav Havranek, P.O.Box 161, SK-83100 Bratislava, tel. +42-7-5332120 **Srilanko**: S-ro Roland Peries, 4 Sri Vijaya Road, Colombo 6 **Svedio**: kiel Finnlando **Usono**: S-ro Allan E. Fineberg, 28-24 Sherman Place, Fair Lawn, New Jersey 07410-4208, tel. 201/797-4884 <wib15@bergen.org> #

# Etaj Notoj

**La eleganta SEL T-ĉemizo,**
de nun fabrikata per speciala tolo.




Multaj demandoj venis pri la T-ĉemizo, kiu tiel multajn kontaktojn kaŭzis dum la 85-a Universala Kongreso de E-o (vidu raporton en LSM n-ro 1-4/2002). En la reto: http://ttt.esperanto.org/skolta/sm2002.html#UK
Ĝi estas fabrikita de la plej granda ĉemizisto (li jam disvendis milojn da Esperantaj ĉemizoj). Mendoj al: Amarílio Carvalho, C.P. 246 , 78600-000 Barra do Garças (MT), Brazilo.
La prezo inkluzivas la sendokoston: 10 Eŭroj, ĝirendaj al uea-konto: heca-d
Estas kaj Granda kaj por Lupidoj.

---




Kandersteg estas Internacia Skolta Centro en la Svisaj Alpoj.
Ĝia ttt-ejo www.kisc.ch havas multajn interesajn informojn en diversaj lingvoj, sed NE en Esperanto. Kial ?!???!?!?

Baldaŭ en SEL-TTTejo estos la tradukoj pri la Interncia Skolta Centro. Poste, ni aranĝos ilin en KD (Kompakta Disko) kaj sendos al KISC-direktoro.
Espereble tio estos la ekesto de profitodonaj kontaktoj inter SEL kaj Kandersteg. Se tio bone marŝos, tre verŝajne ni sukesos enmeti ekzemplerojn de "Pli Vastaj Horizontoj" en la Internacian Butikon de la Centro. Miloj la geskoltoj el cento da landoj vizitas ĝin ĉiujare.

---

La Nacia Reprezentanto en Hispanio (Luis Gilperez <luis@riskoes.com>) anoncas NOVAn REPREZENTANTOn por KANARIAJ INSULOJ:
Miguel (Luma Birdo) lumabirdo@yahoo.es ,
Cno. Verde, 101 (Las Mercedes)
38293 La Laguna , Tenerife

# Kalendaro

## Internaciaj Skoltaj Aranĝoj en 2004

| | | |
|---|---|---|
| **Aŭstrio** | 3-12 Aŭgusto 2004 | 4anaund Wachau 2004, Jamboreo |
| **Azerbajĝano** | Septembro 2004 | 2-a Eŭrazia Skolta Conferenco |
| **Belgio** | 31 Julio – 13 Aŭgusto 2004 | 3versity |
| **Ĉinio (Tajvano)** | 30 Julio – 9 Aŭgusto 2004 | 12-a Monda Skolta Roverado |
| **Danio** | 20-92 Julio 2004 | Blå Sommer |
| **Salvadoro** | 31 Julio – 4 Aŭgusto 2004 | 22-a Interamerika Skolta Konferenco |
| **Finnlando** | 28 Julio – 5 Aŭgusto 2004 | Tarus – 5-a Finnjamboree |
| **Francio** | 23-30 Julio 2004 | Bécours 2004, 2a Monda Kampo de Solidareco |
| **Francio** | 23-27 Julio 2004 | Eŭropolis |
| **Honduroj** | 3-8 Aprilo 2004 | XVI Centra-Amerika Skolta Roverado |
| **Islandio** | 17-21 Aprilo 2004 | 18-a Eŭropa Skolta Konferenco |
| **Islandio** | 17-21 Aprilo 2004 | 11-a Eŭropa Skolta kaj Skoltina Konferenco |
| **Italio** | 4-13 Aŭgusto 2004 | Macramé 2004 |
| **Luksemburgo** | 22 Julio – 1 Aŭgusto 2004 | 4 U |
| **Mauricio** | 6-10 Septembro 2004 | 12a Afrika Skolta Konferenco |
| **Nederlando** | 26 Julio – 5 Aŭgusto 2004 | Naciona Jamboreo |
| **Nikarakvo** | 5-10 Januaro 2004 | XX Kamporee Skolta CentroAmerika |
| **Norvegio** | 30 Julio – 7 Aŭgusto 2004 | Go The Norway, Internacia Jamboreto |
| **Koreio** | 5-11 Aŭgusto 2004 | 24-a Azia-Pacifika Jamboreo /11-a Korea Nacia Jamboreo |






# El nia Ret-poŝto



Saluton!
Mi estas Marcelo, el Argentinio.
Ĉu vi scias kie estas mia lando?
Argentinio estas vasta lando kiu estas en Sudameriko. La nacia lingvo estas la hispana.
Nu... mi rakontos pri mi kaj la skolta movado en mia lando:

Antaŭ 6 monatoj mi ekkonis pri la lingvo, ankoraŭ mi estas lernanta kiel progresanto en la Bonaera Esperanto-Asocio.
Se mi faros gramatikajn erarojn, vi pardonu min.

Mi loĝas en Bonaero ( Buenos Aires ), la plej granda, grava urbo en mia lando. Urbo kie la fama "tango" naskiĝis. Mi estas 20jara, mi loĝas kun miaj gepatroj. Mia skolta grupo nomiĝas Grupo 455 Santa Elisa ( 340 geskoltoj). Mi estas rovero kaj mia lasta tendaro estos la " Nacia Roverado 2004" de la 4-a ĝis la 11-a de Januaro en urbo Rosario .

Oni organizas forumojn pri niaj landaj problemoj, la edukado, ktp. Antaŭ 1 jaro aldoniĝis la sekcio "kastoretoj" . Mia grupo jam havas pli ol 15 kastoretojn!.

Post la unuiĝo de USCA kaj INSA en la jaro 1996 (du skoltaj asocioj kiuj ekzistis tie ĉi), okazis grandaj ŝanĝoj : la nova lilia floro "Valerina" sur nia ĉemizo, la vesto, la nomoj de kelkaj sekcioj, ktp. , la toleremo, respekto la kunlaboro de ĉiuj skoltaj grupoj ( katolikaj, nekatolikaj, judaj, armeniaj, ktp.).

**Sekcioj de skolta grupo en Argentinio**

Castorcitos ( kastoretoj) infanoj ĝis 7jara , miksa
Manada de Lobatos ( lupidoj) de 7 ĝis 11jara
Manada de Lobeznas (lupidinoj) 6 ĝis 10jara
Unidad Scout : knaboj (11 ĝis 14) , knabinoj (10 - 13)
Unidad Caminante (knaboj 14 - 17), knabinoj (13 - 16)
Comunidad Rover (geknaboj de 16 ĝis 21 jara) miksa en kelkaj grupoj.

Daŭrigo sur paĝo 8-a ➔



# 20-a Tutmonda Skolta Ĵamboreo 2003

Kun granda sukceso finis la 20-a TutMonda Skolta Ĵamboreo. Prave la bildo en la libro Ĵamborea Lingvo avertas nin pri la maniero laŭ kio la orientanoj salutas. ***Sawasdee*** signifas ***Saluton*** en la Tajlanda lingvo. Tiel la ĉarma lupidino (en LSM kovrilo) salutis la gefratojn, kiuj vizitis ŝian belegan landon.



La Tajlanda Skolta Movado kaptis la okazon por disvastig-informadi pri skoltismo. Tiucele fama nacia kantistino aperis en TV kune kun geskoltoj kaj pliaĝuloj kun klarigo pri skoltismo kaj pri la Ĵamboreo. En Tajlando eĉ la reĝo estas skoltestro.






**TV-programo kun Skoltoj pliriĉigis la informojn.**

➔ Daŭrigo de paĝo 6-a



## " Valerina " kaj historio de skoltismo en Argentinio.

Unue, kiam en la jaro 1996 oni prezentis al ĉiuj la no-van lili-floron, neniu ŝatis ĝin; ĉiuj opinis (ankaŭ mi) , ke la desegno estis tro moderna, sed nune ni kutimiĝis, kaj dank' al tempo ni lernis ami ĝin!
La koloroj reprezentas la argentinan flagon, kaj la steloj reprezentas la " Sudan Krucon ", tiu stelaro kiuj gvidas la skoltojn en la tendaraj noktoj.

Ekde 1900 la aristokratoj de Argentinio dediĉis sian tempon al la edukado kaj la politiko. Tiutempe, Argentinio estis unu el la plej riĉaj landoj en la mondo.
En la suda ĉirkaŭaĵo de Bonaero estis la vilaĝoj Temperley, Banfield, Lomas de Zamora, kie loĝis britaj fervojaj inĝenieroj. Liaj gefiloj eniris en la unuajn argentnajn skoltajn grupojn. Ili jam konis skoltismo, ĉar antaŭ ol ili enmigris tien ĉi, la knaboj jam estis skoltoj en Britio.
Tiuj britaj enmigrintoj disvastigis la fondadon de skoltaj grupoj en la britaj lernejoj en Bonaero ĝia ĉirkaŭaĵo. Poste la francaj enmigrintoj akompanis je la fundadoj.

**1909 - La vizito de Baden Powell al Argentinio kaj Ĉilio.**
Ĉirkaŭ 1909 okazis la unuajn skoltajn tendarojn en la ĉirkaŭaĵoj de Bonaero.



Historia foto:
La unua "skolta grupo Lomas de Zamora" nune nomiĝas "General Lavalle" en la vilaĝo Banfield (Bonaero) salutis al B-P, kiu surpriziĝis ĉar li ne pênsis, ke skoltismo en Argentinio jam estis konata. Sir Baden Powell estis honora gasto en nia lando.